


*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**2a jaro Decembro 1932 N-ro 20**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio*:
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)





Tipografia CHULILLA y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# ACTA DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 14 de noviembre de 1932, y en el domicilio social de esta Asociación Esperantista Española (Sagasta, núm. 10. - Cruz Roja), se reunió la Junta Central Ejecutiva de la misma, con asistencia de los miembros anotados al margen.

El presidente expone las gestiones realizadas cerca del jefe del Gobierno con instancia a él dirigida en súplica de apoyo para H. E. A., y las practicadas cerca de dos Sociedades culturales femeninas, que auguran, en Madrid, la incorporación al esperantismo de un núcleo de valía.

Dió cuenta el presidente de la iniciativa surgida para celebrar en Madrid una gran Exposición Universal, exponiendo que H. E. A. debe ofrecer su colaboración absoluta y aprovechar el certamen para celebrar también un Congreso Universal de Esperanto; acordándose hacerlo así.

Se da cuenta de que la Asamblea Suprema de la Cruz Roja solicitó CIEN folletos «¿Qué es el Esperanto?», acordándose cederla gratuitamente esos ejemplares.

Se expuso la conveniencia de tratar con los vendedorer ambulantes de libros y folletos la venta de nuestro folleto de propaganda «¿Qué es el Esperanto?», facilitándoselos a quince céntimos ejemplar, pues esa venta, voceada en los sitios céntricos, haría una gran propaganda, dando salida a la edición y editando otra. Se acordó procurar la realización de esta iniciativa y estimular a todos los heaanos que en sus respectivas localidades la secunden, haciéndose presente que se remitirán los folletos certificados previo pago a quienes los pidan de provincias.

Como por la disolución del Grupo esperantista «Antaŭen», la bandera de éste fué entregada a H. E. A., y gracias a las gestiones del presidente se ha conseguido un rico portabandera, se trató y decidió poner una y otra en armonía con lo que simbolizan y con lo que es la Asociación, introduciendo en ellas algunas ligeras modificaciones.

Habiendo recibido la Directiva una carta de los samideanos don Vicente Inglada Ors, don Francisco Azorín y don Luis Rodríguez Escartín, que forman la Comisión nombrada por nuestro último Congreso para realizar una labor de unificación esperantista en el territorio nacional; diciendo esa carta que las exploraciones privadamente hechas cerca de los más importantes «pioniroj» demuestran no ser posible la

disolución de las actualmente existentes organizaciones para fundirlas en una sola Asociación, y que, por tanto, hay que buscar una solución que, dejando a todas las organizaciones actuales en completa independencia para sus asuntos internos, propaganda local, organización de cursos y conferencias, publicación de sus asuntos con sus respectivos órganos y cuanto concierne a afiliaciones y cuotas, permita también una colaboración e intercomprensión en las cuestiones generales, en evitación de todo obstáculo por desconocimiento de proyectos y planes separadamente hechos por unas y otras organizaciones; y dando como resultante la creación de una Junta Suprema compuesta de tres personas residentes en Madrid, elegidas por las Asociaciones, según opinión de caracterizados samideanos, y pidiéndose oficialmente se manifieste si H. E. A. aprueba completamente la creación de esta Junta Suprema, la Junta Central Ejecutiva, con arreglo al artículo 7.° de nuestros Estatutos, decidió contestar a los aludidos samideanos de la Comisión, diciendo:

1.° Que no compete a la Junta Central Ejecutiva la respuesta;

2.° Que, con arreglo a dicho artículo 7.° de nuestros Estatutos, hace público el asunto para conocimiento de los Vocales regionales y de los miembros de H. E. A.;

3.° Que entiende procede primero acabar de cumplir lo estatuído, reorganizando la Junta Directiva, en cuya reorganización se halla, como hace ver el número de noviembre de nuestro órgano oficial, en que aparece el nombramiento de los Vocales regionales, antes de decidir sobre la creación de esa Junta Suprema, puesto que son los *heaanos* los que han de decidir, pues de otra suerte la Junta Central Ejecutiva obraría antirreglamentariamente;

4.° Que, no obstante, puede tener la seguridad absoluta la Comisión aludida que, como viene demostrando, H. E. A. está animada de un absoluto deseo de franca y leal colaboración con todas las organizaciones esperantistas del territorio nacional, las cuales, por medio de sus Directivas, pueden inmediatamente establecer toda clase de relaciones cordiales para propulsar nuestra común labor, estando dispuesta a facilitarles a precio de costo el material editado, si lo creen conveniente para su obra autónoma, que siempre resultará solidaria en pro del Esperanto.

Y no habiendo más asuntos que tratar, se levantó la sesión por el señor presidente a las veinte de este día.—El Secretario, *Mariano Mojado*.—V.° B.°: El Presidente, *J. Mangada Rosenörn*.

NOTAS.—Asistieron el presidente, secretario, tesorero D. Julián Sosa y el vocal de Castilla la Nueva D. José Artigas.

Se hace presente que, mensualmente, aparecerán en la Revista las actas de las sesiones ordinarias y extraordinarias para conocimiento de todos los miembros y para que los vocales regionales oportunamente hagan los reparos convenientes si así lo creen antes de fin de mes; pasando al libro de actas al finar dicho mes, si de los vocales regionales no se hubiese recibido reparo alguno, y con las modificaciones precisas, si hubiese habido enmienda o enmiendas, publicándose ésta o éstas, expresando el origen.

## UNIVERSALA FEDERACIO ESPERANTISTA (U. F. E)

Jam fine ni havas statutojn por la reorganizita Tutmonda Esperanto Movado, el la statutoj ni rapide elĉerpas por diskonigo al la membroj de H. E. A. kaj hispanaj samideanoj for de nia Asocio:

### IV. MEMBRECO

I. La membreco de U. F. E. konsistas el la membroj de ĉiu aliĝinta societo, kiu pagas al la Centra Oficejo la kotizojn laŭ la detaloj en ĉapitro VI. Oni povas akiri membrecon nur per aliĝo al tiuj societoj.

### VI. KOTIZOJ KAJ FINANCOJ

I. La naciaj societoj pagas ĉiujaran kotizon por siaj membroj laŭ la sekvantaj kategorioj:

II. MEMBRO SIMPLA: por ĉiu membro 0'50 svisaj frankoj. *Membro simpla ricevas pere de la nacia societo la internacian membrokarton kaj la oficialan internacian bultenon.*

III. MEMBRO AKTIVA: por ĉiu membro 2'50 sv. fr. *Membro aktiva ricevas la internacian membrokarton, la oficialan internacian bultenon kaj la oficialan jarlibron.*

IV. MEMBRO-SUBTENANTO: por ĉiu membro 12 sv. fr., *kaj li ricevas la membrokarton, bultenon, jarlibron kaj gazeton, pri kiu la Centra Oficejo sukcesos aranĝi interkonsenton kun la koncerna eldonisto.*

V. PATRONO: por ĉiu 75 sv. fr. La nacia societo postulas de li 100 sv. fr., sed retenas 25 sv. fr. por sia propra helpo. *Li ricevas*

*la samon kiel Membro-Subtenanto, sed havas ankaŭ la honoron esti Patrono, kaj lia nomo estas presata en la Oficiala internacia bulteno.*

VI. *La financa jaro de* U. F. E. *estas la kalendaro jaro.*

Karaj heaanoj repagu tuj viajn kotizojn por 1933; karaj hispanaj samideanoj aliĝu al H. E. A. por profiti la utilaĵojn, kiujn vi povas legi poste, kaj kiujn profitas la aliĝintoj nun! Antaŭen kun fido kaj fervoro! VIVU U. F. E. KAJ ESPERANTO VENKU! FELIĈON AL ĈIUJ SAMIDEANOJ EN LA TUTA MONDO!

## EL LA PROTOKOLO DE LA KONSTANTA REPREZENTANTARO DE LA NACIAJ SOCIETOJ en la Pariza Kongreso

*Akcepto de pli ol unu societo en sama lando.*

S-ro Schoofs sciigas ke K. R. ekzamenis jam la demandon en Oxfordo. Nun Flandra Ligo skribis sian intencon partopreni en K. R. kaj S-ro Schoofs, kiel sekretario de K. R., respondis, ke la demando estos traktata dum la Kongreso en Parizo.

S-ro. Pitlik pensas, ke nur estas personaj aferoj, kiuj kreigas novajn societojn.

S-ro Schoofs, delegito de Belga Ligo Esperantista, diras, ke Flandra Ligo kontraŭbatalas la Belgan Ligon. Se K. R. akceptus unu societon laborantan kontraŭ aliĝinta nacia societo K. R. povus perdi tiun nacian societon.

S-ro Goldsmith petas sciigojn pri la du Ligoj, kiuj ekzistas en Ĉeĥoslovakujo.

S-ro Schoofs respondas, ke je la komenco de K. R., K. R. ekceptis ĉiujn societojn, sed esperas, ke post nelonge la du societoj en Ĉeĥoslovakujo trovos aranĝon pri komuna reprezentanto en K. R. de ĉiuj Esperantistoj en tiu lando.

S-ro Conteaux proponas, ke de nun oni akcepta nur unu societon po unu regno.

S-ro Canuto tute konsentas kun la propono de S-ro Conteaux.

S-ro Jakob diras, ke laŭ la korespondo kiun li havis kun la Flandra Ligo, tiu societo propagandas Flandrismon kaj povus malhelpi je la Belga Ligo en oficialaj rondoj. La movado de la Flandra Ligo ne estas neŭtrala.

S-roj Schoofs, Stettler kaj Jakob interkonsentas pri la proksima

Jarlibro de la movado. Estos distingo inter la societoj naciaj kiuj ne apartenas al K. R. kaj la aliaj societoj.

S-roj Schoofs kaj Petiau klarigas, ke Flandra Ligo estas regiona, politika societo ne regna. Ili protestas kontraŭ la enpreso en la jarlibro de regionaj societoj sub la rubriko «naciaj societoj».

S-ro Pitlik sciigas al K. R.-anoj, ke la du societoj en Ĉeĥoslovakujo provos krei delegitaron inter la du ligoj.

*La K. R. unuanime akceptas la proponon ĉi supran de S-ro. Conteaux.*

---

*Komuna membrokarto por ĉiuj naciaj societoj.*

S-ro Schoofs ree proponas, kiel kontrolo por K. R. kaj kvitanco por la naciaj societoj, la kreon de komuna membrokarto por ĉiuj naciaj societoj kaj sciigas, ke li dissendos projekton pri tio al ĉiuj societoj post la Kongreso.

Post diskuto kun S-roj Isbrücker kaj Schmalz, la propono de S-ro Schoofs estas unuanime akceptata.

---

## REMEMORAJO

*Je la dua datreveno de la morto de F-ino Amelio Mangada Sanz.*

*Kadavrovesto, ĉerko, tombŝtono...*
*jen finaĵo de persono!*
*El Petro Ludoviko de Gálvez.*

Kial la mortfalĉilo tranĉis cian vivon en plena floriĝo promesanta esti tiel fruktodona por la edukado kaj instruado?

Cia elradianta spirito plena de ideoj pri libereco, plena de sindonemo, de homa solidareco, kial tiel baldaŭ forflugis kaj forlasis la animetojn, kiuj ĉe ĝia heleco vekiĝis?

Tridek pliajn jarojn de vivo kaj cia grandanima spirito estus kreinta multenombrajn dommastrinojn saĝajn... Sed cin forportis en blanka ĉerko kovrita el floroj..., kaj ni restis solaj kaj senkonsolaj; ni restis sen ci, kiam ni bezonas tiom da junaj instruistinoj grandanimaj, kuraĝaj, kun forta kaj liberiganta spirito, kun akra aglarigardo trafanta la vastajn horizontojn, kiuj malfermiĝas al nia amata Hispanujo...

De cia eterna ripozejo, kara Amelio, ne forgesu nin, kiel ni ne forgesas cin, cia spirito influu mian, kaj gvidu nin al nia tasko.

LUDOVIKINO GARCIA RODRIGUEZ
*Nacia instruistino.*

## LA FRONTERA

Allá en mi país natal,
que de Francia está vecino,
hay en medio de un camino
una piedra y un rosal.

La piedra está en la frontera,
el rosal en torno crece,
¡y cada flor que aparece
de su hermana es extranjera!

Mas, cuando mueren las dos
enemigas del rosal,
en una sola espiral
sube su aroma hasta Dios,

que sin odios ni rencores,
tras ese cielo azulado,
una sola patria ha dado
a las almas y a las flores.

Yo, mirando tristemente
esa línea fronteriza
que por tierra se desliza
con aspecto de serpiente,

al ver deshechos los lazos
que el hombre rompió iracundo,
pensé: el Amor creó el mundo,
y el odio lo hizo pedazos.

¡Cuán ridícula y odiosa
es la vanidad humana!
¿Dejará de ser hermana
una rosa de otra rosa?

Por eso allí, entre las dos
pobres flores, dejé escrito:
«La frontera es un delito
contra las leyes de Dios».

LEOPOLDO CANO

## LANDLIMO

En naskiĝa lando mia,
land' najbara de Francujo,
meze de vojeto staras
limoŝtono kaj rozujo.

Staras ŝtono sur landlimo,
la rozuj' borderas ĝin,
kaj fremdula, ĵus naskita,
estas roz' por roz' fratin'.

Sed, post kiam mortas ambaŭ
malamikoj de la valo
flugas bonodor' al Dio
nur per sama la spiralo.

Car post la lazura sfero,
sen ĉagrenoj, sen doloroj.
Li patrujon nuran donis
al animoj kaj al floroj.

Mi, konsiderante iam
tage, per amara sento
tiun limon terglitantan
kvazaŭ naŭza fiserpento.

Kaj vidante fortrompita
la ligilojn homajn jam,
pensis: Amo kreis mondon;
sed dispecis ĝin malam'.

Kiel aĉa kaj ridinda
estas homa la vanpozo.
Ĉu ekceŝos esti frato
rozo por alia rozo?

Tial, tie inter la du
malamikoj skribis mi:
*La landlimoj estas krimo*
*kontraŭ la leĝar' de Di'.*

*Trad. de* A. N. D.

# JOHANO LUDOVIKO VIVES

Ĉi tiu fama sciulo hispana naskiĝis en Valencio la 6an. de marto de 1492, kaj li mortis en Brujas la 6an. de majo de 1540. Lia talento estis klara; lia kulturo pri ĉiaj literaturoj, profunda; lia kono pri greka kaj latina lingvoj, profunda kaj vasta; severa kaj senpartia estis lia kritikanteco, kaj ĝusta kaj justa lia juĝo, pro kio oni kvalifikis lin *Restariganto de la Beletristiko*. Li estis la plej fama filozofo hispana de la XVI jarcento. Li studis Beletristikon kaj Juron en Valencio kaj tuj li vojaĝis al Parizo, kie li, en la Kolegio de Beauvais, eklernis Filozofion, sed li baldaŭ enuiĝis en la franca ĉefurbo pro la senfina kaj neutila disputado de la profesoroj, kaj tial li vojaĝis al Lovaina je 1513. Ĉi tie li konis la faman Erasmon, sub kies gvidado Vives perfektigis siajn konojn pri la aluditaj lingvoj kaj pri sciencoj, ĉar alveninte al la Universitato de Lovaina sin kredante instruita, li konsciis la malon, kaj kvazaŭ forgesante ĉion lernitan de li, li reeklernis la diritajn lingvojn, ĉar li konsideris ilian perfektan konon tute nepra fundamento por havigi al si la trezoron pri scio, kiun li ambiciis. Tiel rimarkindaj estis liaj progresoj pri Beletristiko kaj Sciencoj, ke je 1520 oni permesis al li esti profesoro, kaj la Universitato nomis lin profesoro pri Literaturo: li sukcese plenumis tian postenon, kaj disĉiplo lia estis Guillermo de Croy, poste ĉefepiskopo de Toledo. Li klarigis eĉ private la verkojn de Ciceron, Plinio la Malnova, Virgilio, k. c.

La hispana sciulo volis elmontri la devenon kaj danĝerajn efikojn de la instruado praktikata de la ceteraj Universitatoj, kaj tial li verkis la utilegajn librojn *De causis corruptorum*, *De tradendis disciplinis* kaj *De ratione dicendi*, enhavantajn doktrinojn, kiujn li klarigis publike al siaj disĉiploj; kaj puŝate de patrujamo, li sendis alian libron al Valencio por aliformigi kaj plibonigi la instruadon de la valencia lernejo.

El liaj ĉefaj verkoj estas ampleksa komentario pri *La Urbo de Dio* de Sankta Aŭgusteno, kiun dum multe da tempo oni konsideris modelo; li dediĉis la verkon al reĝo de Anglujo Henriko VIII^a^, kiu nomis lin profesoro por instrui latinan lingvon al reĝidino Mario, tiam sesjara, filino de la reĝo kaj de Katalino de Aragono. Vives akceptis la postenon kaj li verkis por sia lernantino du elementalajn lernolibrojn. En la Universitato de Oxford, li doktoriĝis pri Juro, kaj en tiu ĉi urbo li klarigis Juron kaj Beletristikon, kaj la reĝo tiel altestimis la Hispanon, ke li fojojn vojaĝis al Oxford por aŭskulti la klarigojn liajn.

De tempo al tempo Vives vizitis Brujas'on kaj restadis tie ĉi intertempe por zorgi sian sanon, kiun atakis la angla malseka klimato. En Brujas' li eldonis siajn verkojn.

Kvankam li fervore sin okupis pri diverasj brančoj de la homa scio, li ankaŭ sin dediĉis al studo pri sciencoj, kaj li sukcesis esti fama teologiisto.

En la Kolegio de l' Corpus Christi de Oxford, li estis profesoro. Kiam Henriko VIII^a rifuzis sian edzinon Katalinon de Aragono, Vives, loĝante tiam en Anglujo, la Hispano sin deklaris partiano defendanta la reĝinon por skribaĵoj, pro kio la angla reĝo malliberigis lin spite de sia alta estimo al la sciulo. Post ses semajnoj, Vives atingis la liberecon kaj forlasis Anglujon perdante siajn postenojn kaj monrimedojn, je 1529, kaj reveninte al Hispanujo, oni opiniis, ke li edziĝis en Burgoso. Gvidate de granda amo al sciencoj kaj dezirante ĉiam daŭrigi siajn studojn per konstanta interrilatiĝado kun eminentuloj de ĉiuj landoj, ree li sin lokumis en Brujas', kie li private klarigis siajn konojn kaj daŭrigis siajn preferatajn studojn spite de grandaj penoj pro manko de monrimedoj kaj turmentate de kruela podagro; troa laboro ruinigis lin ankoraŭ juna; li mortis kvardekokjara.

Fojojn nombrajn oni rekonstatis, ke Budeo, Erasmo kaj Vives estis la plej grandaj sciuloj de sia jarcento, la triunuo de la Respubliko de la Beletristiko, posedante Budeo la genion, Erasmo la parolon kaj Vives la juĝon. Kvankam en la landoj, en kiuj li vivis, estis abundaj la instruitoj luteranaj, li persistadis romana. Jarcenton antaŭ Cervantes, li atakis la kavalerian verkaron per sama kriterio, kian uzis la tutmondfama aŭtoro de La Kiĥoto; li laboris kontraŭ la eraroj de l' skolastikismo, elpruvante ke la Dialektiko fariĝis barbara scienco de paroloj; li opiniis pri la bildoj de la Sankta Virgulino same, kiel poste decidis la religia-konsiliĝo de Trento, ke estu malpermesataj bildoj vestataj de luksaj kaj riĉaj vestaroj, ke estu statuoj el marmoro aŭ ligno; li konsilis al la edzinoj grandan amon al la edzo kaj meti unuavice la hejmajn devojn kaj ne la preĝojn kaj preĝejvizitojn. Oni supozis lin liberpensulo tial ke li iam skribis pro la konstantaj persekutadoj por ĉiuj: «Ni vivas dum malfacilaj tempoj, kaj tiel danĝera estas silenti, kiel paroli»; sed per sia libro *De veritate fidei*, li diris: «Mi povas esti trompata, kaj mi ofte min trompas; sed la Eklezio, pri tio, kio apartenas al plej supera pieco, neniam eraras». Li dediĉis al Katalino de Aragono, reĝino de Anglujo, sian verkon *De institutione foeminoe christianoe*, per kiu la malfeliĉa reĝino multe animfortiĝis. Libro preferata de li estis «Sonĝo de Escipiono» verkita de la fama Marco Tulio. Kortuŝate de la kruelegaj militoj religiaj de germanujo, je 1535, li verkis libreton *De communione rerum*, kies doktrino eĉ estas aktuala, pro kio li estas antaŭulo de la verkistoj de nia jarcento pri samaj aferoj. Fremda biografiisto diras: «Komparante lin kun Erasmo, ŝajnas li malpli universala, malpli elokventa, malpli agrabla, ol Erasmo, sed

pli firma je la principoj kaj pli filozofo». Poquot diras: «li estis lerta kritikisto kaj saĝa filozofo». Liaj verkoj estas 60 en latina lingvo, kaj ĉiuj eksterordinare sukcesis ĉar ofte oni reeldonis ilin, kaj el ili estas citindaj: *De initiis, sectis et laudibus philosophioe* (Basileo, 1521), *In somnium Scipionis vigilia* (Basilea, 1521), *De Civitate Dei lib. XXII, commentariis illustrati* (Basilea, 1522, 1570 kaj 1610), kiun tradukis france G. Hervet—París, 1574—, kies teksto estas tre instruiteca, sed cenzurita de la doktoroj de Lovaino kaj malpermesata aŭ kondamnata de Romo, ĉar la aŭtoro, krom aliaj kondamnindaĵoj laŭ opinioj de Romo, metis en la ĉielon Caton'on, Numa'on kaj aliajn idolanojn; *De subventione pauperum libri II* (Brujas, 1526, kaj Liono, 1531), kiujn tradukis france Girard (Liono, 1583), per kiuj, pritraktante malaperigi la almozpeton, li proponas planon por asisti la almozpetantaron kaj ke ĉi tiu estu utila al la Ŝtato; *De pacificatione* (Antverpeno, 1529), *De officio mariti* (Brujas, 1528), *Opuscula* (Antverpeno, 1531 kaj Liono, 1532), kiu enhavas du leterojn *De ratione Studii puerilis*, kaj du kolektojn pri moralo, *Ad sapientiam introductis y Satellitia*, 805 maksimojn por la reĝidino Mario; *De causis corruptorum artium lib. VII, De tradendis disciplinis lib. V, De prima philosophia* (Brujas, 1531; Liono, 1551; Leyden, 1636) riĉaj je doktrino, pro kio Rikardo Simon entuziasme diras, ke li preferas ĉi tiujn librojn pli ol ĉiujn verkojn de Erasmo pri Beletristiko; *Exercitatio linguoe latinoe* (Basilea, 1538), kiun ofte oni reeldonis, kaj tradukis al diversaj lingvoj, ĝi enhavas mirindajn dialogojn pri kutimoj por plej bone studi la latinan lingvon; k. c.

En hispana lingvo estas tradukaĵoj el la verkaro de Vives. Erasmo, Mayans, Johano Paŭlo Forner, kaj aliaj eminentuloj de la Homaro, faris pri Vives altajn juĝojn. Iam, kiam eble, ni aperigos esperante la lastan verkon.

## LA URBO DE LA X$^a$ KONGRESO

Santander estas urbo kun 82.000 enloĝantoj, situata piede de monteto kronita de korpulentaj arboj, de kies supro oni havas belegan panoramon. Ĝia haveno estas unu el la plej bonaj en Hispanujo pro la profundo kaj pro la ampleksaj kajoj. Trans la bajo, sep mejlojn longa kaj kvar larĝa, estas la montoj de *Transmiera* kaj *Peña Cabarga*. Apud la kajoj etendiĝas la ĝardeno kaj promenejo kun la nomo de la granda romanisto pri regionaj moroj, Pereda, ĉefa urbarterio, ĝis la baseno de *Moldeno* (*Puerto Chico*). De ĉi loko oni ĝuas viglan

kaj pitoreskan spektaklon je la alveno de la fiŝkaptistaj boatoj kaj ŝipetoj kun la kaptitaĵo. Post kurbiĝo, la promenejo longe iradas ĉiam apud la maro, nun sur pli alta nivelo, kun la nomo «Avenuo Pablo Iglesias» ĝis la enirejo de l' haveno kaj la plaĝoj. Ĉi tiu promenejo nenion devas envii al la plej mondfamaj lokoj similaj, kiel tiuj de la Blua Marbordo. La panoramo estas rava kaj mirinda.

Ĉe la enirejo de l' haveno estas la duoninsulo La Magdalena, mirinda loko, iama reĝa restadejo, kies palacon oni utiligos por la Internacia Somera Universitato, grava entrepreno de la hispana Registataro, kiu altiros famajn profesorojn fremdajn, kaj multenombrajn lernantojn.

La plaĝoj, tre ampleksaj kaj belaj, kun delikata sablo, permesas sekuran kaj agrablan banon al miloj da gebanantoj.

## VIDINDAĴOJ

Krom la ĉirkaŭanta naturo, ĉiam alloga, oni povas admiri multajn gravajn kj interesajn lokojn, elvokantajn literaturon kaj historion. Jen kelkaj :

La katedralo, de la XIIIa jarcento kaj la preĝejo de l' Kristo, kiu estas la kripto kaj bazo de la katedralo, kun transira stilo de la romana al la gotika (fino de la XIIa jarcento aŭ komenco de la XIIIa).

La Bibliteko de Menéndez Pelayo kaj la urba, du belaj modernaj palacoj renesancstilaj.

La Domo de Galdós, ŝtata muzeo pri tiu eminenta verkisto, kiu de multaj jaroj ĝis sia morto, somerumis en Santander. En tiu ĉi domo li verkis preskaŭ ĉiujn siajn famajn romanojn kaj dramojn. Ĉio estas konservita same kiel dum lia vivo.

La Stacio de Mara Biologio, muzeo kaj akvario, kie estas elmontrata granda kvanto da diversaj vivantaj marfiŝoj, fondita de la eminenta biologio santandera Aŭgusto González de Linares. La Hospitalo Valdecilla, bonega scienca kaj bonfara fondaĵo, kiun oni ŝuldas al la homamo de alia eminenta santanderano, markizo de Valdecilla.

## LA REGIONO

Eksterordinare mirinda naturo. Tiun aserton oni povas nur pravigi sur la tereno. Inter la belaĵoj distingiĝas la *Picos de Europa* (Eŭropaj Pintoj), eksterordinara montegaro kun supraĵoj 2.650 m. altaj.

## PRAHISTORIO

La provinco Santander povas vanti, kiel neniu alia, esti la plej riĉa en la mondo pri Prahistoria Arkeologio, tiel pro la kvanto, kiel

pro la kvalito de siaj ornampentritaj grotoj. La sola posedo de Altamira, la Meko de la arkeologoj, kaj kiel ĝin alnomis la franca sciencisto Cartailhac «la sikstina kapelo de l' prahistoria arto», sufiĉus por ne malpravigi tiun aserton. La unua je sia klaso malkovrita (1878) kaj la unua laŭ graveco ĝis nun. Ĉiaj famegaj pentraĵoj surrokaj datumas je 15 aŭ 20.000 jaroj. Entute estas esploritaj ĝis nun 12 grotoj kun pentraĵoj.

La loko Altamira situas apud Santillana del Mar, arkaika urbeto ensorĉita en dormo de jarcentoj, vera ŝtonpoemo, el kiu prenis sian nomon tiu granda poeto kaj markizo, aŭtoro de la «Proverboj» kaj de la «Serranillas», kaj samtempe literatura patrujo de la granda fripono *Gil Blas*.

S. ELVIRA
*Sekretario de la L. K. K.*

## NEKROLOGO

Estas granda nova ĉargreno al H. E. A., ĉar ĵus mortis nia juna kunheaano S-ro. José Pineda, el Barcelona. Inteligenta fervora kaj tre entuziasma li estis. Lia familio akceptu la koran kondolecon de H. E. A. Pace li ripozu!

## GRAVA VERKO

Ĵus nia samideano S-ro. Mariano Mojado finis sian grandegan laboron por liveri al hispan-lingvanoj tre kompletajn vortarojn, kiujn li celas eldoni tuj. Oni povas konscii la laboregon faritan, sciante: ke la Esp.-Hisp.-Vortaro enhavos 7.773 vortojn, MIL DUDEK VORTOJN PLI OL LA «PLENA VORTARO DE ESPERANTO» eldonita de SAT, kun proksimume 600 paĝoj kaj sama formato; ke la Hisp.-Esp. Vortaro enhavos pli ol 52.000 vortojn hispanajn, kiuj koncernas pli ol CENT SESDEK MIL esperantajn terminojn.

La aŭtoro profitis por fari sian laboron tre gravajn diverslandajn vortarojn, kaj li celas eldoni dekmilope ambaŭ vortarojn por ke ilia prezo estu kiel eble plej malalta.

# ¡ATENCION!

LOS MIEMBROS DE H. E. A. EN EL AÑO CORRIENTE, PAGANDO ANTES DEL 31 DE DICIEMBRE LA CUOTA PARA 1933, SEGUIRÁN RECIBIENDO GRATUITAMENTE LA «TERMINOLOGIO» DE AZORIN, PERDIENDO ESE DERECHO SI NO LO HACEN ASÍ; TODO ESPERANTISTA QUE SE INSCRIBA EN LA ASOCIACIÓN, PAGANDO LA CUOTA PRIMERA DE 2'50 ANTES DE DICHA FECHA, RECIBIRÁ GRATUITAMENTE EL LIBRO «PRI CERVANTES KAJ LIA VERKO LA KIĤOTO»; CUANTOS ESPERANTISTAS PERTENEZCAN YA A LA ASOCIACIÓN Y LOS NUEVOS QUE SE ADHIERAN Y MANDEN UNA PESETA 75 CENTIMOS CON LA CORRESPONDIENTE CUOTA PARA 1933 Y ANTES DE LA FECHA INDICADA, RECIBIRÁN «MIA POEZIO» Y «LA KREITAJ PROFITOJ», RECIBIENDO TAMBIÉN GRATUITAMENTE EL BES-ADRESARO, EN QUE ESTARÁ INSCRIPTO. (VÉASE EL NÚMERO DE OCTUBRE DEL CORRIENTE AÑO, PÁGINA 3). LAS CUOTAS DEBERÁN SER ENVIADAS AL TESORERO, D. JULIÁN SOSA (GONZALO DE CÓRDOBA, 22. MADRID).

COMO ANTERIORMENTE SE HABRÁ VISTO, LA REORGANIZACIÓN DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA UNIVERSAL ES UN HECHO; ASÍ, PUES, COMO TODO MIEMBRO DE LA ASOCIACIÓN SERÁ INSCRIPTO COMO «*SIMPLA MEMBRO*», PAGANDO LA CAJA DE H. E. A. LOS 0'50 DE FRANCO SUIZO (UNA PESETA 15 CENTIMOS APROXIMADAMENTE), SE COMPRENDERÁ EL NUEVO BENEFICIO QUE A LOS ESPERANTISTAS HISPANOS HACE LA ASOCIACIÓN. CUANTOS DE NUESTROS CONSOCIOS QUIERAN SER INCLUÍDOS EN OTRA CATEGORÍA DE MIEMBROS MANDARÁN AL TESORERO DE H. E. A. LA DIFERENCIA DE 0'50 A LA CUOTA QUE SEA; PERO LOS QUE QUIERAN

SER INCLUÍDOS EN LA CATEGORÍA DE «PATRONO» NO TENDRÁN NECESIDAD DE ENVIAR MÁS QUE 80 FR. SUIZOS EN VEZ DE 100, PUES LA DIFERENCIA DE 20 FR. SUIZOS LA DEJA EN BENEFICIO DE SUS MIEMBROS, NO SIENDO LA TOTAL DE 25 POR LOS GASTOS QUE EL ENVÍO DE LOS 75 OCASIONE.

TODOS LOS MIEMBROS DE H. E. A. RECIBIRÁN EL CARNET INTERNACIONAL TAN PRONTO H. E. A. LOS RECIBA, Y LA MAYOR RAPIDEZ EN TENERLO DEPENDE DEL ENVÍO AL TESORERO DE LAS CUOTAS PARA 1933, DEDUCIÉNDOSE DE AQUÍ EL POR QUÉ DE LA INSISTENCIA DEL PAGO DE CUOTAS ANTES DE FINAR EL AÑO. CREEMOS QUE LOS SAMIDEANOS DE H. E. A. Y LOS QUE AÚN NO LO SON Y LEAN ESTAS LÍNEAS COMPRENDERÁN LA UTILIDAD DE NUESTRA ORGANIZACIÓN, LOS BENEFICIOS QUE REPORTA, PUES ENTREGA ANUALMENTE A CADA UNO MUCHÍSIMO MÁS DE LO QUE RECIBE, Y LOS DEJA EN LIBERTAD ABSOLUTA PARA QUE LOCAL, REGIONAL Y HASTA PROFESIONAL O IDEOLÓGICAMENTE, SE AGRUPEN Y ACTÚEN CON EL AUXILIO MORAL Y MATERIAL EN LO POSIBLE DE LA ASOCIACIÓN.

AQUELLOS QUE DESEEN SER INCLUÍDOS EN CUALQUIER OTRA CATEGORÍA DE MIEMBROS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA UNIVERSAL TENDRÁN MUY EN CUENTA QUE HABRÁN DE ENVIAR A H. E. A. LA EQUIVALENCIA DE LA CUOTA DE FRANCOS SUIZOS EN PESETAS, QUE EL CAMBIO OSCILA CONSTANTEMENTE, Y QUE, PARA NO CAUSAR PERJUICIO A LA CAJA DE H. E. A., POR TANTO, PUEDE CONSIDERARSE EL VALOR DE *UN FRANCO SUIZO* EN *DOS PESETAS CUARENTA CÉNTIMOS*.

SUPLICAMOS, PUES, NUEVAMENTE EL MÁS PRONTO ENVÍO DE TODA CUOTA Y SUPLEMENTOS PARA

TENER DERECHO A CUANTO SE DESEE, SEGÚN LAS CONDICIONES EXPUESTAS, CREYENDO NO HAYA LUGAR A DUDAS QUE ORIGINAN GASTOS Y MOLESTIAS A UNA Y OTRA PARTE. ¡FELICIDADES EN EL AÑO QUE VA A COMENZAR!

*Por la Directiva de H. E. A.,*
*El Secretario,*
*MARIANO MOJADO*

## AL NEKREDEMULOJ

Iuj niaj legantoj de volas kredi, ke la Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj vere donos por la kotizo ĉiujn anoncitajn librojn kaj ili diras la prezon nekredeble malalta. Tamen la Asocio estas fakto kaj la plano certe plenumota. Tial vi devas rapidi sendi vian aliĝilon, por ke vi ne malfruu pagi la plej malaltan kotizon de sv. fr. 13,50 ankoraŭ antaŭ 1-a de februaro. Post tiu dato la kotizo plialtiĝos per dudek procentoj. Se vi ne havas la sufiĉan monon pagi eĉ tiun sumon je unu fojo, relegu la prospekton kaj vi vidos, ke la kotizo estas pagebla en ses partoj, sed por havi la plej favoran kotizon, vi tamen devas sendi vian aliĝon antaŭ 1-a de februaro kun la unua parto. Ne forgesu, ke krom la kotizo vi devas sendi la sendkostojn, ĉar nericevinte la sendkostojn, AELA ne sendas la librojn. Ankaŭ ne forgesu aldoni sufiĉan monon por bindo kaj eventuala rekomendita sendo.

Lasta dato de favora kotizo 1-a de februaro.

## ENLANDA KRONIKO

*Averto.*—Por plej bona kaj akurata enpresigo de novaĵoj pri propagando, kursoj, festoj, ekskursoj, k. c., faritaj de la membroj de H. E. A., konvenas ke oni sin turnu poŝtkarte kaj koncize al S-ro Julio Mangada (adreso: Ateneo Científico, Literario y Artístico, strato Prado, n-ro 21, Madrid), farante tiel antaŭ la dekvina de ĉiu monato por enpresigo en la tuj sekvonta numero de ĉi gazeto.

*Almería.*—En la Casa del Estudiante (Hejmo de la Studento) okazadas esperanta kurso por studentoj kaj simpatiantoj. Ĉi tie vigle

esperanto ekmarŝadas, kaj espereble same okazos baldaŭ en aliaj lokoj de la provinco.

*Mataró* (Barcelona).—La ĉi tieaj samideanoj okazigis propagandan feston, kiu sukcesis ĉar la publiko ĉeestanta unuanime aplaŭdis kaj multaj esprimis deziron lerni esperanton. Espereble la propagando pli kaj pli sukcesos.

*Callosa del Segura* (Alicante).—La grupo «Ĉiam Esperanto» jam havas sian regularon, ĉi tiu estas tre simpla kaj vidigas fervoron de l' fondintoj. La gvidanto, instruisto S-ro. Francisco Zaragoza gvidas kurson por 16 lernantoj el la Socialista Junularo, kaj baldaŭ li ekklarigos alian kurson al studentoj.

## AMUZAJOJ

Nevineto: Ĉu estas vero, ke oni devas respekti la blankajn harojn?
—Jes, mia infano.
—Do, kial vi tinkturas al vi ilin?

———o———

Serĝento: —Ĉu vi scias legi kaj skribi?
Rekruto: —Skribi mi scias, sed legi, ne.
Serĝento: —Nu, skribu, do!
La rekruto faras kelkajn strekojn kaj punktojn sur la papero.
Serĝento: —Sed, legu kion vi skribis.
Rekruto: —Ho, mia serĝento, mi jam diris, ke legi mi ne scias.

———o———

—Vi scias, Albeĉjo, ke mi malpermesis, ke vi iru al Emilo, ĉar li estas tre malbone edukita.

—Tiam, ĉu Emilo povas veni al mi, kiu estas tre bone edukita?

———o———

Avarulo, elirante el la preĝejo, kie la pastro parolis pri bonfarado, diris:

—La prediko tiel tuŝis min, ke mi estas tuj preta peti almozojn.

———o———

En malkara restoracio:
Kliento vokas la kelneron kaj diras:
—Tio estas netolerebla! Jen, mi trovis en la supo unu haron!
Kelnero: —Kaj, ĉu vi kredas, ke por dek spesdekoj oni povas meti tutan hararon?